der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

15. Jahrgang Nr. 94 (2/1979) 30 Pf

*Hermann Klenner*

# Pri homaj rajtoj

*En 1978 la deklaracio pri la homaj rajtoj estis 30-jara. UEA pro tio alvokis al celebro de tiu jubileo kaj okupiĝo pri la temo.*

*Tion ni volonte faras, kvankam kun iom da malfruo. Sed tio certe ne gravas, ĉar la temo restos aktuala.*

*Ni prezentas en nia revuo kompreneble marksisman-leninisman vidpunkton. El la studo de prof. d-ro Hermann Klenner (aperinta en „Einheit“ 11/78, p. 1105 – 1113) ni publikigas parton.*

*La red.*

**Kiu garantias la homajn rajtojn?**

Pri kio realisme nur povas temi en la internacijure deviga tendence universala kontrakto pri homaj rajtoj de 1966, estas interkonsenta kompromiso, kontraktita antaŭ la forumo de la internacia publiko, inter ŝtatoj ankaŭ de malsama socia ordo pri disponoj, rimedoj kaj metodoj necesaj en la intereso de la pacosekurigo kaj de la interŝtata kunlaborado sur la kampoj ekonomia, scienca-teknika, kultura kaj humaneca. Objekto de la interkonsento – kaj interkonsentoj ja estas la sola vojo por krei hodiaŭ universalan internacian juron [1]) – estas la reciprokaj rajtoj kaj devoj de la kontraktpartneroj. Kiel tiuj kontraktpartneroj, do la ŝtatoj, kiuj ĝenerale devoligas sin al kontraktplenumado per ratifiko, akordigas sian enŝtatan jurstaton kun siaj interŝtataj devoligoj, estas fiksite en ilia propra jurordo. Se en la koncerna internacia konvencio pri tio ne troviĝas specialaj reguligoj, tiam ĉiu ŝtato decidas laŭ sia propra konstitucio, kiel ĝi transformas siajn internacijurajn devoligojn en enŝtatan juron. Per la enŝtata juro ĉiuj civitanoj kaj organoj de tiu ŝtato estas tiam senpere rajtigitaj kaj devoligitaj.

Same la ŝtato decidas ankaŭ pri la kontrola mekanismo, kiu garantias la observadon de tiuj rajtoj kaj devoj de ĝiaj civitanoj. Do estas tasko de la konstituciaj organoj (ĉe ni de la popolreprezentantaroj kaj ties konsilioj,

de la juĝejoj, prokuroroj, de la laborista kaj kamparana inspektejo ktp.), gardi la observadon kaj efektivigon ankaŭ de la homaj rajtoj. Estas tasko de la loĝantaro profiti de sia ampleksa baza rajto je kundecidado kaj kunformado, inkluzive de sia rajto je kritiko (USSR-konstitucio, art. 48, 49; GDR-konstitucio, art. 21, 103). Sed ne apartenas al la respondeca kampo de la Unuiĝintaj Nacioj interveni en la procedo de la enŝtata garantiado de la civitanaj rajtoj. Kontraŭe: Konforme al la UNO-ĉarto (art. 2 alin. 7; 103) kaj al la UNO-rezolucio 20/2131 de 1965 la Unuiĝintaj Nacioj havas neniun rajton enmiksiĝi rekte aŭ nerekte en la internajn kaj eksterajn aferojn de ŝtato aŭ eĉ nur minaci per tia enmiksiĝo. Tiu nelasebla malpermeso de intervenado konformas al la devo de la ŝtatoj kaj ties interŝtataj organizaj formoj konservi la pacon. Ĝia malobservo forigus kun la suvereneco de ŝtatoj la memdeterminan rajton de la popoloj.

Kie, kiel nuntempe en la sudo de Afriko, en Ĉilio, en Nikaragvo kaj en la ĉiam plu ekzistantaj kolonioj, la tieaj potenculoj neas la memdeterminan rajton de la propra popolo aŭ de aliaj popoloj kaj amase organizas krudajn malobeojn al la homaj rajtoj de popoloj kaj personoj, tie ankaŭ la internacia paco kaj internacia sekureco estas minacataj. Tiuokaze estas tasko de la konsilio de sekureco de la Unuiĝintaj Nacioj konforme al la dispozicioj de la VII-a ĉapitro de la UNO-ĉarto, decidi pri la disponoj adekvataj al la respektiva situacio, de la ekonomia blokado ĝis armita perforto.

Apartenas al la plej senmaskigaj fenomenoj de la nuntempo, ke certaj membroj de la konsilio de sekureco blokas en la konsilio de sekureco per sia daŭra vetoo la decidadon pri la radikale efikaj sankcioj, jam delonge farendaj kaj postulitaj de la plimulto en la plenkunsido de la Unuiĝintaj Nacioj, kontraŭ la rasisma reĝimo en Sudafriko malamika al la homaj rajtoj, dum samtempe ili krias pro „monda gardhundo" kontraŭ la malobeantoj al la homaj rajtoj.[2]) Kiel tia servu alta komisaro por la homaj rajtoj, ne antaŭvidita en la UNO-ĉarto.[3]) Pri tiu alta komisaro, laŭdire ŝlosila figuro en la batalo kontraŭ la malobeoj al la homaj rajtoj, oni promesas verajn miraklojn. Sed ĉar ne estas videble, kion li povus entrepreni kontraŭ la rasismo aŭ la senlaboreco en la mondo, certe oni nur intencas funkciigi lin kiel instituciigitan intervenadon, kiel daŭran brulilon de la psikologia militado. Li ne estas la ŝlosilo por la solvo de la homrajtaj problemoj, jam pli verŝajne li estas planita kiel dirko por interesiĝantoj pri enrompo, do kiel personigita malhelpaĵo al la malstreĉiĝo.

Pri unu afero, tamen, oni devas esti klara rilate la homan rajton: La juro, ankaŭ la internacia juro, ne batalas batalojn. Jam la elformado de la internacijura protekto de la homaj rajtoj, des pli multe ĝia sukcesigo ne estas disigeblaj disde la klasbatalo, ili estas, kontraŭe, la rezulto de klasbataloj.

La Nurenberga proceso kontraŭ la ĉefaj militkrimuloj ne okazis pro tio, ke artikolo 6 de la statuto por la internacia militista tribunalo de 1945 fiksis, ke krimoj kontraŭ la paco estu juĝataj kiel krimoj kontraŭ la humaneco, sed pro tio, ke Sovetunio kaj ĝiaj aliancitoj rompis la nukon al Hitler.

Ankaŭ post la dua mondmilito ne okazis iu memrealiĝo, nek de la homa, nek de la internacia juro. La malkoloniado de la mondo ne estis libervola akto, kaj ĝi ja estas ankoraŭ tute ne finita. Ne obskuraj bazaj valoroj sukcesas, kaj la reakciaj fortoj havas nomon kaj adreson. La listo de la kapitalkompanioj investantaj en Sudafriko montras 1883 firmojn, la unuajn lokojn okupas Anglio, Usono kaj FRG.[4]) La sinmortiga armadpolitiko de tiuj, kiuj parolas pri homaj rajtoj kaj agas kontraŭ la rajto je paco, ne estas maratono de la malraciismo. Kalkuleblaj komercaj interesoj, ne humanismaj frazaĵoj direktas ilian politikon.

En la deklaracio de la Unuiĝintaj Nacioj 24/2542 de 1969 pri socia progreso tekstas en artikolo 1: „Ĉiuj popoloj kaj homoj havu la rajton vivi en digno kaj libero kaj ĝui la fruktojn de la socia progreso, kaj ili siaflanke kontribuu al tiu progreso.“ Ankoraŭ preskaŭ la duono de la homaro vivas subnutrita kaj ne scipovanta skribi. Ankoraŭ faŝismaj reĝimoj teroras sian loĝantaron. Ankoraŭ la radikoj de la rasismo ne estas ekstermitaj. Ankoraŭ la mondpaco ne estas daŭre sekurigita. Elformado kaj sukcesigo de internacia juro kaj homa rajto adekvataj al la karaktero de nia epoko dependas de la komuna batalo de la socialismaj ŝtatoj, de la internacia laborista movado kaj de la kontraŭimperiismaj fortoj en la tuta mondo.

**Notoj**

[1]) Komp. Gregor Schirmer, Universalität völkerrechtlicher Verträge und internationaler Organisationen (Universaleco de internacijuraj kontraktoj kaj de internaciaj organizoj), Staatsverlag der DDR, Berlin 1966, p. 88

[2]) Tiel: C. Christol, Law and Human Rights (Juro kaj homaj rajtoj), Ĝenevo 1968, p. 23

[3]) Komp. B. Graefrath, Zur 6. Auflage des Projekts eines UNO-Hochkommissars für Menschenrechte (Al la 6-a eldono de la projekto pri alta UNO-komisaro pri homaj rajtoj), en: Schriften und Informationen des DDR-Komitees für Menschenrechte (Skribaĵoj kaj informoj de la GDR-komitato pri homaj rajtoj), Berlin, kajero 4, 1978

[4]) United Nations Centre against Apartheid, Notes and Documents (La centro de Unuiĝintaj Nacioj kontraŭ apartigismo, notoj kaj dokumentoj), 14-1978, p. 5; H. Santa Cruz, Racial Discrimination (Rasa diskriminado), Nov-Jorko 1977, p. 267

*Traduk. D-ro Karl Schulze, Berlin*
*el: Einheit n-ro 11/78 p. 1105 — 1113*



*Aus dem Referat des Arbeitsausschusses, das der stellvertretende Vorsitzende des Zentralen Arbeitskreises Esperanto, Ludwig Schödl, auf dem III. Zentralen Treffen in Rostock vortrug.*

## „Über die weitere Arbeit der Esperantisten nach dem IX. Bundeskongreß des Kulturbundes der DDR"

Seit dem IX. Parteitag sind gute zwei Jahre ins Land gegangen, und wir befinden uns fast auf der Hälfte der Wegstrecke zum X. Parteitag. Ein wichtiger Abschnitt ist dabei zweifelsohne das große Jubiläum, das unsere Republik im nächsten Jahr begehen wird: Der 30. Jahrestag der Gründung unseres Staates.

Der IX. Parteitag war ein bedeutendes Ereignis in der Geschichte unseres Volkes: Unsere Partei beschloß ein neues Programm, das die weitere Gestaltung der entwickelten sozialistischen Gesellschaft in der DDR beinhaltet, mit dem Ausblick auf den Aufbau des Kommunismus.

Der Kulturbund der DDR beriet auf seinem IX. Bundeskongreß im September 1977 seinen zukünftigen Platz in der entwickelten sozialistischen Gesellschaft. Es wurden neue Grundaufgaben verabschiedet, Grundaufgaben, zu deren Realisierung alle Bereiche der Organisation mit der ganzen reichen Vielfalt ihrer Aktivitäten aufgerufen wurden.

Die gesamte Tätigkeit der Freunde der internationalen Sprache Esperanto kann sich nur in vollem Maße unter friedlichen und normalen internationalen Beziehungen vollziehen. Bedingungen einer zunehmenden Entspannung der internationalen Beziehungen wirken sich auch auf unsere Tätigkeit positiv aus. In einer Atmosphäre von imperialistischen Störmanövern und Belastungen der politischen Beziehungen zwischen den Staaten haben auch die Esperantisten wenig Möglichkeiten, für ihre humanistischen Ideale zu wirken. Leider müssen wir feststellen, daß sich imperialistische Kreise in der letzten Zeit verstärkt bemühen, die Erfolge der Entspannungspolitik in Frage zu stellen und neue Runden im Wettrüsten einzuleiten. Es wird deutlich: Die Auseinandersetzung zwischen Sozialismus und Kapitalismus hat an Intensität weiter erheblich zugenommen. Das wissen wir Esperantisten. Das erhöht unsere Verantwortung als Staatsbürger und als Internationalisten.

Wir können dennoch in unserer Arbeit von einer insgesamt befriedigenden internationalen Entwicklung der Esperanto-Bewegung ausgehen. Solch gewichtige internationale Gremien wie der Weltfriedensrat verstärkten ihre Beziehungen zur Esperanto-Bewegung, besonders zur Weltfriedens-Esperantisten-Bewegung. Von besonderer Bedeutung ist das sehr aktive Interesse der UNESCO an der Tätigkeit des Esperantoweltbundes (UEA). Das fand u. a. seinen Ausdruck im Auftreten des Generaldirektors der

UNESCO auf dem 62. Esperanto-Weltkongreß 1977 in Island und in der Teilnahme eines Beauftragten des Generaldirektors am 63. Esperanto-Weltkongreß dieses Jahr in Warna.

Der Kongreß in Bulgarien war der universellste in der Geschichte der Esperanto-Bewegung, besucht von fast 5 000 Esperantisten aus über 50 Ländern, und charakterisiert durch ein hohes inhaltliches Niveau, an dem auch die 110 Teilnehmer aus der DDR ihren Anteil hatten.

Wir können weiterhin einschätzen, daß die Zusammenarbeit der Esperanto-Verbände der sozialistischen Staaten an Qualität und Intensität gewonnen hat. In letzter Zeit wurden einige bedeutsame Beschlüsse gefaßt: In der Sowjetunion ist man gegenwärtig dabei, einen sowjetischen Esperanto-Verband zu gründen. Im sozialistischen Rumänien wurde vor einigen Monaten ein wissenschaftliches „Kollektiv Esperanto-Interlinguistik" an der Akademie für Gesellschafts- und Politische Wissenschaften der SR Rumänien gegründet. In Kuba nahmen unsere Freunde an den XI. Weltfestspielen aktiv teil und organisierten ein internationales Treffen. So ließe sich die Liste interessanter Ereignisse fortsetzen.

Die DDR-Esperantisten arbeiten in vielfältiger Weise mit in der Weltfriedens-Esperantisten-Bewegung (MEM), im Esperanto-Weltbund (UEA) und im Jugend-Esperanto-Verband (TEJO), Verbände, die eine positive Arbeit leisten und von den internationalen Realitäten ausgehen.

Das gleiche kann man allerdings nicht behaupten von der sogenannten „Neutralen Esperanto-Bewegung" (NEM), die sich 1974 aus antikommunistisch orientierten Anhängern des abgewählten ehemaligen Präsidenten des Esperanto-Weltbundes, Prof. Lapenna, gebildet hat. Diese Gruppierung wiederspiegelt überraschend genau die Taktik und Aktionsweise der sattsam bekannten antikommunistischen und antisowjetischen Giftküchen westlicher Prägung.

Da gibt es „Manifeste für Frieden und Humanismus", die einen „humanistischen Internationalismus" dem „proletarischen Internationalismus" gegenüberstellen. In ihrer Zeitschrift „Horizonto" und auf Konferenzen hetzt diese Gruppe gegen die sozialistischen Länder und erfindet kommunistische Komplotte in der Esperanto-Bewegung und anderes mehr.

Für uns alles nur ein Beweis: Die ideologische Auseinandersetzung geht an der Esperanto-Bewegung nicht vorbei. Diese Dinge ändern jedoch nichts an der Tatsache, daß die internationale Esperanto-Bewegung sich zu ihrem weitaus überwiegenden Teil immer aktiver einsetzt für die Ideale des Friedens und der Völkerverständigung, für Ideale, wie sie der Weltfriedensrat und die UNESCO vertreten.

Ausgehend von unseren sozialistischen Zielen und Wirkungsmöglichkeiten in der DDR haben wir guten Grund zur Freude und Befriedigung und werden die Kraft finden, unsere Arbeit auf die erforderliche Höhe der neuen Aufgaben zu heben.

Der Kulturbund als eine sozialistische Massenorganisation kulturell Tätiger und Interessierter, regt an zu vielseitigem geistigen Leben und kulturellem Schaffen unserer Bürger, wirkt mit bei der Herausbildung sozialistischer Persönlichkeiten und fördert eine unserer Gesellschaft gemäße Lebens-

weise. Wir müssen uns somit fragen, wie der Platz der Esperantisten in dieser Organisation für die Zukunft zu bestimmen ist.

Wir bekennen uns selbstverständlich zu den Zielen und Aufgaben des Kulturbundes in ihrer Gesamtheit. Gleichzeitig müssen wir aber drei Aspekte in unserer Tätigkeit hervorheben:

(1) *Das Erlernen und die interessen-differenzierte internationalistische Anwendung des Esperanto ist in hohem Maße persönlichkeitsbildend, dient der Erweiterung des geistig-kulturellen Horizonts und vermittelt tiefe emotionale Erlebnisse.*

(2) *Die Beschäftigung mit dem Esperanto ist dann am wertvollsten, wenn sie nicht nur der individuellen Befriedigung geistiger Bedürfnisse dient sondern gleichzeitig von den Gesamtinteressen der sozialistischen Gesellschaft ausgeht. Wenn die Esperantisten der DDR über den realen Sozialismus in unserem Lande international informieren, sich eingliedern in die Bewegung gegen Imperialismus und Krieg und tätige Solidarität üben, dann nützen sie am besten ihrer Gesellschaft und damit sich selber.*

(3) *Gleichzeitig, und das wird nicht selten übersehen, stellt die organisierte und zielgerichtete Pflege und Anwendung des Esperanto einen höchst originellen Beitrag dar zur Beantwortung der Frage, wie internationale sprachliche Kommunikation reibungslos, hochwertig und ökonomisch gestaltet werden kann. Das ist ein Problem von steigender internationaler Bedeutung, deren wissenschaftliche Aspekte zunehmend im Weltmaßstab Beachtung finden.*

Im Lichte der 10 Grundaufgaben des Kulturbundes machen die drei genannten Aspekte unseres Wirkens deutlich, vor welchen großen und schönen Aufgaben wir stehen.

Wir möchten dazu etwas mehr sagen:

1. Unsere gesamte bisherige Tätigkeit zeigt sehr deutlich, daß unsere inhaltlichen Ziele, wie sie in den *Leitsätzen* formuliert wurden, richtig sind.

   Es ist dennoch notwendig, immer von neuem zu begreifen, daß ein Esperantist nicht notwendigerweise und quasi automatisch Internationalist und sozialistischer Patriot ist. Nur auf den festen Positionen des Marxismus-Leninismus, die es immer wieder neu zu erringen gilt, als bewußte Staatsbürger handelnd, werden wir die reichen humanistischen Bildungs- und Erziehungswerte erschließen können, die in der Beschäftigung mit dem Esperanto liegen, und diese zur eigenen Freude und zum Nutzen der Gesellschaft voll erschließen.

2. Wir müssen weiterhin eine scheinbar banale Feststellung treffen: Esperanto ist nicht Selbstzweck sondern ein *Kommunikationsmittel*. Nur in *ihrer* praktischen *Anwendung* für die Gestaltung internationalistischer Beziehungen realisiert sich der Wert dieser Sprache.

   Der Kulturbund mit seinen über 40 Fachbereichen bietet ideale Möglichkeiten vielfältigen Zusammenwirkens. Das heißt u. a.: Nicht nur *über* Esperanto sprechen! Auch *in* Esperanto sprechen!

3. Die Anwendung der Sprache, das können wir feststellen, nimmt an Differenziertheit zu. Doch müssen wir in Zukunft stärker als bisher die

vielen unterschiedlichen individuellen Interessen und Bedürfnisse der Esperantisten berücksichtigen. Sonst werden unsere Kurse und Klubabende nicht über die notwendige Anziehungskraft verfügen.

4. Unsere internationale Arbeit hat an Vielfalt gewonnen und wird im Ausland anerkannt und geschätzt. Dennoch wäre es zu wünschen, wenn auf Bezirks-, Kreis- und Gruppenebene noch mehr originelle Formen der internationalen Information über die DDR gefunden würden.

   Der 30. Jahrestag sollte wichtiger Anlaß sein für diesbezügliche Aktivitäten.

5. Wir meinen, daß wir für unsere politische Arbeit nach wie vor von den Traditionen der Arbeiter-Esperanto-Bewegung außerordentlich viel lernen können. Wir sind Mitglieder einer Organisation, die sich dem revolutionären und humanistischen Erbe sehr verpflichtet fühlt. Auch in den nächsten Jahren werden wir die Forschung zu unserem Erbe fortsetzen und ihren geistigen Gehalt für die Entwicklung des sozialistischen Geschichtsbewußtseins auf unserem Fachgebiet nutzen.

6. Zwar gibt es Erfolge in der Jugendarbeit, doch kann das Erreichte nicht befriedigen. Es fehlen fähige Nachwuchskader. Es ist daher unbedingt notwendig, daß die Jugend- und Kaderarbeit überall in unseren Leitungen und Gruppen als vorrangige Aufgabe erkannt wird. Die Arbeit mit der Jugend stellt außerdem einen wichtigen Beitrag zu ihrer fremdsprachlichen Bildung und internationalistischen Erziehung dar.

7. Das sprachlich-fachliche Niveau unserer Esperantisten hat an Qualität gewonnen. Dennoch gilt es, auch auf diesem Gebiet noch viel zu tun. Die 1979 erscheinenden modernen Lehrmittel werden eine wesentliche Hilfe sein und die sehr empfindliche Lücke schließen helfen.

8. Wir sind dann eher in der Lage, bessere Bedingungen für die Werbung neuer Interessenten zu schaffen. Der Kulturbund ist eine *Massenorganisation*, nicht nur in qualitativer sondern auch in quantitativer Hinsicht. Das verbreitern der Basis unserer Arbeit liegt im Interesse der Gesamtorganisation und in unserem eigenen. Ein Beitrag dazu sollte sein, daß wir jeden Esperantisten, der noch außerhalb unserer Organisation steht, auch als Mitglied des Kulturbundes gewinnen. Und vor allem sollte ein jeder unsere Organe „der esperantist", „PACO" u. a. abonnieren und damit arbeiten.

9. Der originelle Beitrag, der vom Zentralen Arbeitskreis auf dem Gebiet der Interlinguistik und Esperantologie geleistet wird, findet nicht nur zunehmend in der DDR sondern auch in erheblichen Maße im Ausland Anerkennung.

   Diese fachlich wissenschaftliche Tätigkeit wird in der DDR bisher nur vom Kulturbund geleistet. Sie stellt nicht nur einen echten Beitrag zu einem relativ jungen Wissenszweig dar, sondern trägt auch auf spezifische Weise zur Erhöhung des Ansehens der DDR im Ausland bei.

Vor uns stehen schöne Aufgaben, die wir im Sinne des Wettbewerb-Aufrufes des Präsidialrates des Kulturbundes zum 30. Jahrestag lösen werden. Wir Esperantisten verfügen über ein Mittel, das uns hilft, unser persönliches Leben schöner und vielfältiger zu gestalten.

Wir wollen dieses Mittel noch besser anwenden: der Gesellschaft zum Nutzen und uns zur Freude.

*Antaŭ 100 jaroj, la 14an de marto 1879, naskiĝis Albert Einstein*

# *Einstein kaj Esperanto*

Ĝis nun ne estas tute klare, kiun sintenon la fama fizikisto Albert Einstein havis al Esperanto. Ekzistas kontraŭdiraj informoj.

La libro de Friedrich Herneck „Einstein privat", kiu eldoniĝis 1978 en la libro-eldonejo „Der Morgen", Berlin (GDR), enhavas kelkajn interesajn alineojn. (p. 107)

La biografo pri Einstein, prof. d-ro Friedrich Herneck, intervjuis la iaman dommastruman helpistinon Herta Waldow (paĝo 107):

*Herneck (H):* Se mi bone memoras, vi iam menciis, ke Einstein interesiĝis pri Esperanto.

*Waldow (W):* Pri tio sinjoro profesoro havis fortan simpation, por tiu lingvo, kiu devis servi kiel komunikilo por ĉiuj. Pri tio oni ofte parolis en la Haberlandstrato. Nur pro tio mi entute ion scias pri Esperanto.

La problemon de artefarita mondlingvo, kiu servu kiel internacia helplingvo, oni dum tiuj jaroj tre vigle pridiskutis, se ankaŭ ne tiom forte, kiel antaŭ la unua mondmilito. Tiam la kemiisto kaj nobelpremiito Wilhelm Ostwald emfaze pledis por plibonigita Esperanto, Ido, kaj propagandis ties aplikon en la scienca literaturo. Almenaŭ devus esti tradukitaj en tiun artefaritan lingvon resumoj de artikoloj en fakrevuoj. Kun tiu propono li tamen ne sukcesis.

H: Ĉu Einstein mem estis esperantisto, ĉu li ellernis kaj parolis Esperanton?

W: Tion mi bedaŭrinde ne kapablas diri. Sed mi scias, ke sinjoro profesoro tre forte interesiĝis pri tio.

H: Pro niaj meditoj pri la malfaciloj de Einstein kun naturaj fremdlingvoj kaj lia intereso pri Esperanto ni tute perdis el la okuloj la unuan vojaĝon al Pasadena . . .

(La interparolo nun direktiĝas al alia problemo)

---

## INTERNACIAJ TURISMAJ ARANĜOJ 1979

N: Nomo de la aranĝo
K: Korespondadreso
A: Aliĝdato
P: Prezo
JA: Junularo aranĝo
O: Organizanto

Junio 1. — 14., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto-kursoj**
OK: DK de BEA en Smoljan, PK. 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Junio 3. — Julio 25., Buslinioj (Pollando—Ĉeĥoslovakio—Hungario)
N: **Internacia Buslinio „Esperanto" laŭ itineroj je la nomo Ludoviko Zamenhof**
OK: 8 semajnaj rondvojaĝoj
O: „JUVENTUR" PL 85 067 Bydgoszcz, Jagiellonska 12

Junio 4. — 9., Bialowieza (Pollando)
N: **Bjalistoka Esperanto-Printempo**
O: Pola Esperanto-Asocio Filio en Bialystok
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Junio 10. — 17., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto-Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, PL 85-094 Bydgoszcz, M. Sklodowskiej-Curie 10

Junio 15. — 26., Miedzyzdroje (Pollando)
N: **Internacia Esperanto-Feriado**
O: PEA Filio en Szczecin kaj „GROMADA“
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Junio 16. — 29., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto-kursoj**
OK: DK de BEA Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Junio 17. — 24., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Junio 24. — Julio 1., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Junio 24. — julio 14., Jaszbereny (Hungario)
N: **Esperanto-Labortendaro Internacia** (JELI)
O: Hungara Esperanto Junularo, Urba Komitato, Komunisma Junulara Asocio. Loka Esperanto-grupo „Amikeco“. Ŝtata Bieno en urbo Jaszbereny
K: Farkas Antal, Jaszbereny, Deak F. u. 4, H-5100 Hungario
P: Partoprenkotizo ne estas A: 1. 5. 1979

Junio 27. — aŭgusto 29., Aviadillinio (Warszawa—Sofia—Plovdiv—Pisanica—Burgas—Suna-bordo—Varna—Albena—V. Tirnovo—Sofia—Warszawa)
N: **Internacia Aviadillinio „Esperanto“**
O: DK de BEA, Smoljan, PK 30 kaj „JUVENTUR“, Jagiellonska 12, PL 85-067 Bydgoszcz
R: 8 du-semajnaj busvojaĝoj en Bulgario kaj aviadilflugo Warszawa—Sofia—Warszawa

Junio, Szolnok-Tiszaliget (Hungario)
N: **Mezlerneja ripoztendaro** (MER)
OK: Junulara Komisiono de HEA, Budapest, Pf. 193, H-1368
P: 600 ft. A: 31. 3. 1979

Julio 1. — 8., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Julio 1. — 14., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto-kursoj por popollernejanoj**
OK: DK de BEA Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Julio 1. — 14., Lanĉov (Ĉeĥoslovakio)
N: **Somera Esperanto-Tendaro** (SET)
OK: ĈEA, Jilská 10, Praha 1, Ĉeĥoslovakio
P: 600 Kčs A: 31. 3. 1979

Julio 8. — 15., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto-Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Julio 8. — 14., Gyula (Hungario)
N: **17a Somera Esperanto-Universitato** (SEU)
OK: Konsilantaro de Somera E-Universitato, 48 as u. 11, H-5700 Gyula
A: 15. 6. 1979

Julio 8. — 14., Hodmezovasarhely (Hungario)
N: **2-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco** (IMEK)
OK: Medicina Esperanto-grupo, Hodmezovasarhely, Pf. 89, H-6801, Hungario
A: 15. 6. 1979

Julio, Zanka (Hungario) apud Balatono
N: **12a Pionira Internacia Tendumado** (PIT)
OK: Teritoria Komitato de HEA, Pecs, Pf. 2, H-7601, Hungario
P: 600 ft. A: 31. 5. 1979

Julio 15. — 22., Bydgoszcz (Pollando)
N: **Esperanto-Feriado kun ĉevaloj**
O: PEA Filio en Bydgoszcz
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Julio 15. — 28., Lanĉov (Ĉeĥoslovakio)
N: **Somera Esperanto-Tendaro** (SET)
OK: ĈEA, Jilská 10, Praha 1, Ĉeĥoslovakio
P: 700 Kcs A: 30. 4. 1979

Julio 16., Budapest (Hungario)
N: **Internacia Virina Renkonto**
OK: Virina Komisiono de HEA, Budapest, Pf. 193, H-1368, Hungario

Julio 16. — 25., Abaliget-Pecs (Hungario)
N: **12a Internacia Naturamika Renkonto** (IREN)
OK: Teritoria Komitato de HEA, Pecs, Pf. 2, H-7601, Hungario
P: 1300—2000 ft. A: 31. 5. 1979

Julio 16. — 29., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto-kursoj por mezlernejanoj**
OK: DK de BEA Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Julio 29. — aŭgusto 11., Lanĉov (Ĉeĥoslovakio)
N: **Somera Esperanto-Tendaro** (SET)
OK: ĈEA, Jilská 10, Praha 1, Ĉeĥoslovakio
P: 700 Kcs A: 30. 4. 1979

Julio 29. — aŭgusto 11., Koŝicke Hamre (ĈSSR)
N: **Somera Esperanto-Lernejo en Koŝice** (SELKO-79)
O: Esperanto-Klubo Koŝice
K: Dr. Elemir Erby, Dom Umenia, 041 23 Koŝice

Julio, Mezotur (Hungario)
N: **Mezotur Internacia Esperanto Laborkampado** (MIEL)
OK: Esperanto-Grupo Baghy Gyula Mezotur, Petöfi u. 5, H-5400, Hungario
A: 31. 1. 1979

Julio 31. — aŭgusto 13., Wladislawowo (Pollando)
N: **Somera Esperanto Lernejo**
O: PEA Filio en Bydgoszcz kaj AESSR
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Aŭgusto 1. — 14., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto-kursoj**
OK: DK de BEA Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Aŭgusto 11. — 28., Bekescsaba (Hungario)
N: **1-a Centra Internacia Esperanto Laborbrigado** (CIEL)
O: Hungara Esperanto-Junularo, Centra Komitato de Hungara Komunisma Junulara Asocio
K: Foldvari Laszlo, Turkeve, Arpad u. 11, H-5420, Hungario
P: Partoprenkotizo ne estas A: 1. 6. 1979

Aŭgusto 11. — 17., Slovaka Paradizo (ĈSSR)
N: **Turisma Semajno Renkontiĝo de Esperantistoj TUSE-79**
O: Subtatra Esperanto-Klubo en Poprad
K: Asocio de Esperantistoj en SSR, Organiza fako Sobotske nam. 1735, 058 01 Poprad

Aŭgusto 13. — 26., Wladyslawowo (Pollando)
N: **Somera Esperanto Lernejo**
O: PEA Filio en Bydgoszcz kaj AESSR
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Aŭgusto 15. — 21., Budapest-Eger (Hungario)
N: **8-a Varia Internacia Semajno** (VIS)
OK: Budapeŝta Komitato de HEA, Budapest, Pf. 153, H-1443, Hungario
P: 1500 ft. A: 15. 7. 1979

Septembro 1. — 14., Pisanica (Bulgario)
N: **Ora Esperanto-Feriado**
OK: DK de BEA en Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Septembro 1. — 15., Albena (Bulgario)
N: **Nigramara Esperanto Feriado**
OK: 4700 Smoljan, Bulgario, Internacia Esperanto Kursejo

Septembro 2. — 15., Miedzygorze (Pollando)
N: **XV. Internacia Esperanto-Feriado „Ora Pola Aŭtuno"**
O: PEA Filio en Wroclaw
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Septembro 7. — 9., Kaposvar (Hungario)
N: **4-a Aŭtuna Migrado (AMi)**
OK: Turisma Komisiono de HEA, Pecs, Pf. 2, H-7601, Hungario
P: 20 ft. A: 31. 7. 1979

Septembro 8. — 10., Plovdiv (Bulgario)
N: **Internacia Foira Renkonto**
OK: Distrikta Esperanto Estraro, PK 187, 4000 Plovdiv, Bulgario
A: 1. 7. 1979

Septembro 15. — 30., Albena (Bulgario)
N: **Internacia Esperantista-Feriado**
OK: 4700 Smoljan, Bulgario, Internacia Esperanto Kursejo

Septembro, Velingrad (Bulgario)
N: **Internacia Esperanto-Feriado**
K: Manol Colev, BR Krastini 14, BG-4600 Velingrad, Bulgario
A: 1. 9. 1979

Septembro 16. — 29., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto Kursoj**
OK: DK de BEA Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Oktobro 1. — 14., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto Kursoj**
OK: DK de BEA, Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Oktobro 16. — 29., Pisanica (Bulgario)
N: **Internaciaj Esperanto Kursoj**
OK: DK de BEA, Smoljan, PK 30, Bulgario
P: 98 — 162 lv.

Novembro 30. — decembro 9., Bydgoszcz—Zakopane (Pollando)
N: **V. Internacia Foiro de Esperanto-Turismo**
O: Monda Turismo
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Novembro 30. — decembro 2., Bydgoszcz (Pollando)
N: **XX. Kongreso de Pola Esperanto-Asocio**
O: Ĉefa Estraro de Pola Esperanto-Asocio en Varsovio
K: Buroo de Internacia Esperanto-Interŝanĝo, M. Sklodowskiej-Curie 10, PL 85-094 Bydgoszcz

Decembro 7. — 9., Zakopane (Pollando)
N: **Internacia Esperanto-Renkonto „Zakopane-79"**
O: PEA Filio en Bydgoszcz

Decembro 28. — januaro 2., Budapest (Hungario)
N: **9a Vintra Esperantista Ferio (VEF)**
OK: Budapeŝta Komitato de HEA, Budapest, Pf. 153, H-1443, Hungario
P: 1700 ft. A. 1. 12. 1979

---

## Wörterbücher Esperanto/Deutsch, Deutsch/Esperanto

- Die 3. Auflage des Taschenwörterbuches Esperanto/Deutsch von Dr. Erich-Dieter Krause erscheint im Laufe des Jahres 1979 im Verlag Enzyklopädie Leipzig.
  Vorbestellungen sollten sofort vorgenommen werden.
- Die 2. Auflage des Taschenwörterbuches Deutsch/Esperanto vom gleichen Autor erschien Ende 1978 und war auf Grund der hohen Bestellquote beim Verlag sofort vergriffen.
  Das Wörterbuch steht noch in einigen Buchhandlungen.
  Eine 3. Auflage dieses Wörterbuches ist vor 1980/81 kaum zu erwarten.

## Internaciaj kursoj por instruistoj kaj kursgvidantoj de Esperanto

*6. — 25. de aŭgusto 1979, urbo Burgas, ĉe Nigra Maro, sub la aŭspicio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)*

Por eksterlandanoj:

A. *Por lernado de la lingvo:* II. grado — daŭriga kurso, III. grado — supera kurso

B. *Metodika kurso por instruistoj de Esperanto*

En la kursoj estas akceptataj prefere *instruistoj, kursgvidantoj* (neprofesiaj E-instruistoj) kaj organizaj aktivuloj de la Esperanto-movado. La akcepto en la diversaj gradoj estas farata surbaze de *dokumento pri ekzameno por la antaŭa grado.*

Ĉiutage estas 4 devigaj lernohoroj, la ceteran tempon oni uzas laŭplaĉe (sur plaĝo, en promenadoj, ekskursoj k. t. p.).

Limtempo de aliĝo: *la 30a de majo 1979*

Kotizo: 120 bulgaraj levoj aŭ egalvaloro (inkluzivas nutradon, loĝadon, instruadon, administrajn elspezojn). Sumojn oni sendu al la adreso: Bulgario, 1303 Sofio, ĉrez Bâlgarska Vânŝnotârgovska Banka do DS Kasa Blagoevski Rajon, smetka 185/2553 na Sofijsko Okrajno Esperantsko Râkovodstvo.

Ĉe neebla transpago kotizoj estos akceptataj ĉe alveno en Burgas, sed kun *anticipa averto* pere de aliĝilo.

En la komuna loĝejo oni ne rajtas havi kun si infanojn aŭ nekursanojn.

Detalajn informojn kaj aliĝilojn oni povas ricevi de: Okrâĵno Esperantsko Râkovodstvo, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofio, Bulgario (tel. 31-61-80).



### PUK?

Laŭ „Berliner Zeitung am Abend“ (BZ am Abend) de 9. 10. 1978 PUK estas la mallongigo de esperanta vorto Pupa Klubo. Tion al la gazeto diris Taji Kawajiri, la gvidanto de la japana pupteatro PUK, kio gastis dum oktobro 1978 en Berlin, en la kadro de la teatraj festo-tagoj de Berlin.

### El Rumanio

La rumana Kolektivo Esperanto/Interlingvistiko intencas aperigi rumanan antologion. Ekzistas jam traduk-kolektivo, estrata de univ. asistanto C. Dominte (Bucuresti). Tiu kolektivo jam tradukis jubilean numeron „Ferioj en Rumanio“, prezentitan okaze de UEA-Kongreso en Varna 1978.

En la Filologia Fakultato de Timisoara, la diplomotoj ankaŭ povas skribi siajn disertaciojn pri esperantologiaj temoj.

### Antaŭ Kristandemokratoj

La 18an de oktobro 1978 en la kadro de monata membrokunveno de la Kristana Demokrata Unio, s-ro Alfred Knapp el Bad Berka referis pri Esperanto.

## Somera Esperanto-Tendaro (SET)

*I-a etapo:* *1. 7. — 14. 7. 1979* *(Programo por gejunuloj)*
*II-a etapo:* *15. 7. — 28. 7. 1979*
*III-a etapo:* *29. 7. — 11. 8. 1979*

La Esperanto-Klubo, loka grupo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio en Třebiĉ sub la aŭspicio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio aranĝos la 27an Someran Esperanto-Tendaron (SET). Ĝi okazos en tri etapoj en la tradicia loko apud la granda valbaraĵo lago de Vranov ĉe la vilaĝo Lanĉov (prononcu lanĉof) distrikto de la urbo Znojmo.

La instruado de Esperanto okazos en ĉarma romantika regiono ĉiutage krom la dimanĉo de la 8-a ĝis la 12a horo en kvin diversgradaj kursoj nome: A — por komencantoj, B — por progresintoj, C — konversacia, D — por estontaj instruantoj, E — por tradukantoj.

Posttagmeze okazas banado, sportado, ekskursoj, vespere tendarfajroj kun kantado ks. La tendaranoj loĝas aŭ duope en tendoj aŭ kvarope en kabanetoj. La tendarkotizo, kiu inkluzivas kvin manĝojn tage, estas 700 kčs. La aliĝo de eksterlandanoj validas post ricevo de antaŭpago 350 kčs kaj 350 kcs persone en la tendaro. Se antaŭpago estos sendita ĝis 15a de aprilo vi alpagos nur 300 kčs.

La antaŭpagon sendu per via banko al: Živnobanka Praha 1, Na příkopech 20, ve prospěch účtu Esperanto Třebiĉ u Státni spořitelny ĉ. 60061. Atentu: La antaŭpagon ne eblas redoni.

La ekskursoj — unu tuttaga aŭtobuse kaj du duontagaj dum unu etapo ne estas enkalkulitaj en la tendarkotizo. Ilia prezo estas proksimume 60 kčs. Ni invitas eksterlandajn samideanojn *kun bona scio de la lingvo,* kiuj ŝatas tendaran vivon kaj volas perfektiĝi. Dum la 26 jaroj de SET partoprenis en ĝi gesamideanoj el preskaŭ ĉiuj eŭropaj kaj 3 transmaraj landoj. Ili helpis al ni krei la deziratan internacian lingvan etoson. Por ĉiu etapo ni akceptos nur la unuajn 100 aliĝilojn, tial ni urĝe konsilas al vi aliĝi plej malfrue ĝis la 15a de majo. Post tiu ĉi dato ni akceptos vin, se estos ankoraŭ libera loko. La necesajn informojn rilate la alvenon, restadon kaj vivon en la tendaro ricevos ĉiu aliĝinto kune kun la konfirmo de lia akcepto.

Plenumi la tendaran regularon estas devo de ĉiu partoprenanto.

Jen kelkaj gravaj eroj:

1. Ĉiu tendarano devas pratopreni la instruadon en sia kurso, la tagan programon kaj submeti sin al la fina ekzameno.
2. Forlaso de la tendaro devas esti anoncata al estraro.
3. La banado en la lago estas permesita nur triope; unu el ili devas esti minimume 18 jara, du el ili devas esti bonaj naĝantoj.
4. Post la vespera signalo devas regi en la tendaro absoluta silento.

*CS 647 01 Třebiĉ, ČSSR*
*Esperanto-Klubo, loka grupo de ČEA*

## Pri la perdita honoro de iuj

Edition Leipzig ĝis nun eldonis en Esperanto la romanojn „Nuda inter lupoj" de Bruno Apitz kaj la „Trigroŝan Romanon" de Bertolt Brecht. Ambaŭ verkojn tradukis el la germana la membro de CLE, d-ro Karl Schulze el Berlin. Lingve reviziis la tekstojn la konata pola radio-ĵurnalisto kaj tradukisto Jerzy Grum. La internaciaj recenzoj atestis pri bona kvalito de la tradukoj.

En la jaro 1978 Edition Leipzig eldonis trian volumon. Temas pri la fama rakonto de la nobelpremiito pri literaturo, Heinrich Boell (pr. Hajnriĥ Bell) el FRG: „La perdita honoro de Katarina Blum" („Die verlorene Ehre der Katarina Blum"). La verkon tradukis s-ro Richard Schulz el Federacia Respubliko Germanio (Li nomas sin Rikardo Ŝulco), kiu ne estas miksenda kun d-ro Karl Schulze el GDR! La aperigo de tiu verko estas tre laŭdinda. La libro estas bele presita kaj bone bindita. Laŭ nia opinio la traduko de la verko, kiun liveris s-ro Ŝulco, estas ege malbona kaj ne permesus publikigon. Jam la titolo estas fuŝe tradukita per „La perdita honoro de iu Katarina Blum". Krome, bedaŭrinde neniu eksterlandano lingve *reviziis* la tradukon. Dufoje ni detale klarigis al la eldenejo la mankhavecon de la traduko, proponante ne publikigi ĝin. Eĉ al la presprovaĵoj ni aldonis liston kun 140 lingvaj eraroj al la afabla konsidero de la tradukinto. Pro motivoj, kiujn ni ne kompetentas ekspliki, la eldonejo Edition Leipzig en kunlaboro kun la FRG-a eldonejo Bleicher (tia kunlaboro estas tre laŭdinda!) tamen publikigis la verkon.

Ankaŭ estonte ni klopodos, ke en GDR aperu nur lingve akcepteblaj verkoj. En la menciita kazo la klopodo evidente estis sensukcesa. Pro la fakto, ke eĉ malbona traduko ne tute povas detrui la grandan valoron de la rakonto, ni rekomendas ties aĉeton.

*CLE*



## La lingvo de la estonto: Interlingua aŭ Esperanto?

Estas iom mirige, ke oni stariĝis antaŭ tiu alternativo. Mirige, se oni konsideras la realecon. Nemirige, se oni pretas spekulacii pseŭdoscience. Tiel estis tamen, ĉar en la partia organo de la distrikto Magdeburg, la taggazeto „Volksstimme" („Popola Voĉo") en la semajna aldono de la 10. novembro 1978 aperis ampleksa artikolo de Interlingua-ano Borovka el ĈSSR. La artikolo entenis aventuran mikson de science neakcepteblaj tezoj, misinformoj, asertoj kaj malveroj.

CLR sendis al la ĉefredakcio komenton kaj artikolon kun la titolo „Esperanto — la lingvo de la estonto?" Tiu eĉ pli ampleksa artikolego aperis en la numero de 26. 1. 1979 de la sama gazeto. La situacio pri Interlingua nun denove estas ĝustigita, krome oni unuafoje en tiel granda amplekso povis objektive informi pri Esperanto la legantojn de la distrikto Magdeburg. Pro tio ni tre kore dankas sinjoron Borovka kaj samtempe esprimas al li nian peton, ke li rezignu publikigi siajn fantaziaĵojn en eksterlandaj gazetoj.

*Erich Würker*

# *Apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko*

La realigo de efika kaj ekonomia inform-interŝanĝado, kiun postulas la nuntempa scienca kaj teknika disvolviĝo sur internacia ebeno, ne eblas kontentige sur la bazo de la internacia multlingveco. Celante aktivigon de la sciencteknika progreso per internaciaj personaj kontaktoj inter sciencistoj kaj teknikistoj, necesas forigi la ekzistantajn lingvajn barierojn. Tiu solvenda tasko urĝas ju pli multe, des pli rapide la sciencteknika revolucio penetras en ĉiujn agadsferojn de la internacia kunlaboro.

Sub la titolo „Apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko" eldonis la Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko — Sciencteknika sekcio — kolekton de seminariaj referatoj, prezentitaj je la 7-8-a de oktobro 1978 en Žilina.

La organizantoj de la seminario intencis per tiu aranĝo:

- interŝanĝi spertojn en la internacia faka kunlaboro per-helpe de Esperanto,
- doni eblecon por ĉiuj, kiuj volas praktikigi Esperanton kiel fakan lingvon,
- instigi al plena eluzo de Esperanto por la specifaj scienc-teknikaj taskoj,
- atingi plispertiĝon sur tiu laborkampo,
- pruvi la aplikeblon de Esperanto en ĉiuj sferoj de internacia integriĝo.

Ĉu la seminario liveris la atenditajn rezultojn en kontentiga amplekso? Pozitivan respondon al tiu demando trovas ĉiu leganto en la referaĵoj, kiujn enhavas la publicita seminaria kolekto.

La 16 prelegojn oni povas klasifiki laŭ enhavo kaj celo en du grupojn. La unua grupo pritraktas problemojn de terminologio, taŭgeco kaj rolo de Esperanto sub la specifaj kondiĉoj de la scienca kaj teknika bezonoj. Al tiu grupo oni povas nombri la sekvantajn partojn:

- *„Signifo de la internacia kunlaboro kaj de personaj kontaktoj de sciencistoj kaj teknikistoj."*
  *Inĝ. Aleŝ Bednařík, Bratislava*
- *„Scienc-teknika progreso kaj la estonto de la internacia lingvo."*
  *Inĝ. Nikola Uzunov, Haskovo-Bulgario*

  Ambaŭ referatoj distingiĝas per detala reprezentado de la kompleksa problemaro kaj prijuĝas reale, sen iu ajn supertaksado de la aktualaj ŝancoj, sed ankaŭ sen pesimismo, la perspektivojn de Esperanto, konsiderante la nunajn kondiĉojn kaj internacian situacion.
- *„Tipologio kaj prilaboro de dulingvaj vortaroj"*
  *Dr-ino Magda Šaturová, Bratislava*

  Per tiu kotribuaĵo formulis la aŭtorino postulojn de la uzantoj rilate al la kompilado de taŭgaj dulingvaj vortaroj.
- *„Pri la koncepto de la ĉeĥa-esperanta teknika vortaro."*
  *Inĝ. Aleŝ Bednařík, Bratislava*

  Inĝ. Bednařík konigas la motivojn por la baldaŭa eldono de nova teknika fakvortaro, informis pri ties enhavo kaj karakterizis ĝiajn kvalitojn.

Specialan atenton meritas la referaĵo

— *„Pseŭdoelementoj en Esperanto."*

*Inĝ. Jan Werner, Brno*

La aŭtoro pritraktas la tendencon enkonduki fakterminojn el fremdaj lingvoj. Por gardi la strukturon kaj vort-teorion li rekomendas seriozan studon de Esperanto kaj skrupulan ekzamenon de ĉiu nova fakesprimo al konformeco kun la internaj leĝoj kaj spirito de la internacia lingvo.

Ne malpli interesaj kaj legindaj estas la kontribuaĵoj, formante la duan grupon. Ili koncernas la praktikan uzon de Esperanto en la plej variaj formoj kaj por la plej diversaj celoj, kiel pruvas la sekvantaj temoj:

— *„Apliko de Esperanto en la laboro de informcentroj."*
*Zdeněk Hršel, Brno*

— *„Novaj trovaĵoj de mineraloj en norda Bohemio."*
*Inĝ. Rudolf Rychlý, Ústi nad Labem*
*Inĝ. Milan Fengl, Sobědruhy u Teplic*

— *„Prienergiaj pripensetoj"*
*Inĝ. JUDr. Miroslav Tûma, Brno*

— *„Energetiko, atomelektrejoj kaj veldado."*
*Inĝ. Peter Todorov, Sofia-Bulgario*

— *„Varmteknikaj proprecoj de konstru-materialoj."*
*Inĝ. Jan Werner, Brno*

— *„Pulvoraj materialoj kaj ties proprecoj."*
*Inĝ. Hanuŝ Landspersky, Praha*

— *„Miaj spertoj ĉe tradukado de medicinaj tekstoj Esperanten."*
*Med. D-ro Ludoviko Izák, Martin*

— *„Purigaj instalaĵoj por la malpurigita akvo el la urboj kaj vilaĝoj de la nordaj distriktoj de GDR."*
*D-ro Inĝ. V. Müller, Neubrandenburg - GDR*

— *„Aŭtomatizado deranĝostacioj."*
*Inĝ. Ladislav Kovář, Česká Třebová*

— *„Pri certaj kalkul-metodoj por implicita funkcio."*
*RNDr. Jaromir Ŝvejda, Brezno*

— *„Priservaj subrutinoj de la periferio en la operaciadsistemo."*
*Inĝ. Vladimir Němec, Žilina*

La du lastaj temoj evidentigas konvinke la universalan taŭgecon de Esperanto por la pritrakto de matematikaj problemoj kaj la prilaboro de la plej subtilaj taskoj.

Resume, la legado de la prezentitaj prelegoj peras trafan bildon pri la stato de uzado kaj apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko, donas sugestojn kaj impulsojn por plua celorientita faklaboro kaj helpas grandigi la faklingvan signifon kaj reputacion de Esperanto. La eldonaĵoj apartenas en la manojn de ĉiu progresema Esperantisto. La eldonintoj meritas dankon kaj laŭdon pro la privita iniciato. *Erich Würker*

# Kontrakto

*pri amikeco kaj reciproka kunlaboro inter la Esperanto-Societo „Vekiĝo“,* kolektiva membro de Patrolanda Fronto, kaj la Esperanto-grupo *„Progreso“ en Kulturligo de GDR de la ĝemeligitaj distriktoj Ŝumen, PR Bulgario, kaj Magdeburg, GDR.*

La esperantistoj de ambaŭ distriktaj urboj eliras ĉe tiu ĉi kontrakto de tio

- ke la bazo por la pliprofundigo kaj disvastigo de la amikeca kunlaboro de la esperantistoj de niaj distriktoj estas la interkonsentoj pri amikeco, kunlaboro kaj reciproka helpo, kontraktitaj inter niaj ambaŭ ŝtatoj,
- ke nia agado sur la kampo de Esperanto devas subteni ĉiujn progresemajn fortojn en la mondo cele al paco kaj interpopola amikeco,
- ke necesas profundigi la amikecajn rilatojn kaj akceli la disvastigon de la internacia lingvo Esperanto inter la civitanoj de urboj kaj distriktoj.

En tiu senco ni kontraktas pri la jeno:

1. Ambaŭ estraroj regule interŝanĝas informojn pri ambaŭflanke interesaj demandoj kaj akordigas komunajn projektojn.

   Unuavice tio koncernas
   - informojn pri socipolitikaj kaj aliaj gravaj eventoj en la propraj ŝtatoj, distriktoj kaj urboj,
   - raportojn de la gazetaro de la propra distrikto aŭ urbo pri la ĝemeligita distrikto aŭ urbo,
   - laborrezultojn kaj planojn de la esperantistoj de la propra ŝtato, distrikto aŭ urbo,
   - raportojn en la gazetaro pri la loka Esperanto-movado.

2. La estraroj akcelas personajn leteramikecojn kaj reciprokan gastadon inter la membroj, propagandas Esperanton inter la civitanoj kaj varbas novajn adeptojn.

3. La estraroj reciproke konatigas la membrojn kun la historio kaj nuna vivo kaj prosperado de ambaŭ urboj kaj distriktoj, kun la agado de la aliaj socipolitikaj organizaĵoj, aranĝas ĉiujare solenaĵojn okaze de la naciaj festotagoj kaj interŝanĝas salutmesaĝojn okaze de politikaj kaj kulturaj festotagoj. Ambaŭ estraroj realigas ekspoziciojn pri la ĝemeligita urbo resp. distrikto kaj pri la amikeca kunlaboro (en fabrikoj, institucioj, lernejoj k. t. p.).

4. Inter ambaŭ estraroj regule ĉiun duan jaron okazu interŝanĝo de delegacioj cele al la konkretigo de la amikeckontrakto kaj al la interkonsiliĝo pri komunaj planoj. Kaŭzo de la delegaciinterŝanĝo devus esti amikecaj renkontiĝoj en la Esperanto-grupoj kaj la interŝanĝo de prelegantoj inter ambaŭ grupoj.

5. Tiu ĉi kontrakto povas esti konkretigata aŭ ampleksigata laŭ reciproka interkonsento. Ĝi estas kompilita en kvar ekzempleroj, du en Esperanto kaj po unu en bulgara kaj germana lingvoj. La ĉefaj tekstoj estas tiuj en Esperanto, la nacilingvaj tekstoj estas samrajtaj kaj samsencaj tradukaĵoj.

## Interkonsento

*pri amikeco kaj kunlaboro inter la Esperanto-grupoj de la partnerurboj Minsk kaj Potsdam*

Ni, la reprezentantoj de la Esperanto-klubo Minsk kaj la Distrikta Laborrondo Esperanto Potsdam,

- celante firmigi la amikecon inter GDR kaj Sovet-Unio,
- subtenante la ekzistantajn partnerrilatojn inter Potsdam kaj Minsk,
- plenumante la Bazajn Taskojn de la IXa kongreso de la Kulturligo de GDR,
- instigitaj de la viglaj rilatoj inter la Esperanto-Komisiono de la Unio de Amikec-Societoj de USSR kaj Centra Laborrondo Esperanto ĉe Kulturligo de GDR, inter la Esperanto-organizoj de Dresden kaj Leningrad,

interkonsentis pri jenaj komunaj agoj:

1. por inda celebro de la 60a datreveno de la Belorusa SSR (1979-01-01) kaj la 30a datreveno de GDR (1979-10-07) plivastigi la interŝanĝon de materialoj (presaĵoj, ekspozicioj, prelegoj) pri atingoj de niaj respublikoj en la socialisma kaj komunisma konstruado,
2. kun la celo aktivigi la esperantistan movadon, regule informi reciproke pri la planoj, sperto kaj rezultoj de la Esperanto agado de niaj kolektivoj,
3. instigi la kolektivan kaj individuan korespondadon inter minskaj kaj potsdamaj geesperantistoj, peri la kontaktojn inter neesperantistoj,
4. agnoskante, ke rektaj personaj kontaktoj favoras la interkonsenton, serĉi la eblecojn por reciprokaj vizitoj laŭ oficialaj kaj individuaj invitoj.

*Hanna Scheffs*
prezidantino
Distrikta Laborrondo Esperanto
Potsdam

*Valerij Ŝiŝko*
prezidanto
Esperanto-klubo Minsk

**Subskribita dum la 63a UK en Varna, 31. 7. 1978**



6. Tiu kontrakto estas subskribita por du jaroj kaj validas ek de la komenciĝo de la jaro 1979, la jaro de la 30a datreveno de la fondiĝo de GDR.

Magdeburg, en septembro 1978

En la nomo de la
Esperanto-Societo
„Vekiĝo“ Ŝumen

*Todorov*
(Prezidanto)

En la nomo de la
Kulturligo de GDR
Urba Estraro Magdeburg
Esperantogrupo „Progreso“

*Dungert*
(Prezidanto)



## Fotoj pri la 63-a Universala Kongreso

Ĉar nia raporto pri la UK en „der esperantist" 5/78 estis tute senfota ni ĉi-numere tamen volas prezenti al vi du el la laste ricevitaj.

*De maldekstre: N. Aleksiev, prezidanto de LKK; s-ro Petr Tanĉev, vicprezidanto de la Ŝtatkonsilantaro de Bulgario; d-ro H. Tonkin, prezidanto de UEA; d-ro V. .Sadler, direktoro de la Centra Oficejo de UEA; s-ro Zakariev, komisiito de la ĝenerala direktoro de UNESKO.*

## Delegacio de U. E. A. ĉe UNESKO



*El la inaŭguro. En la unua vico, de dekstre la dua: d-ro D. Blanke, sekvas la ĝenerala konsulo de GDR en Varna, s-ro Hanisch.*

Dum mallonga restado inter du eksterlandaj vojaĝoj, la Ĝenerala Direktoro de UNESKO, s-ro Amadou-Mahtar M'Bow, akceptis en sia oficejo en Parizo kvarpersonan delegacion de UEA la 8-an de januaro.

Gvidis la delegacion la prezidanto de UEA, d-ro Humphrey Tonkin. Partoprenis ankaŭ s-ro Emmanuel Chicot, la oficiala reprezentanto de UEA ĉe Unesko, s-ino Barbara Despiney, reprezentanto de TEJO ĉe Unesko, kaj s-ro Pierre Guérout, ano de la laborgrupo de UEA pri kunlaboro kun Unesko.

Dum la duonhora konversacio, la delegacio havis okazon ĝisdatigi la scion de la Ĝenerala Direktoro pri la progreso de la Esperanto-movado kaj UEA, kaj esprimi sian deziron, ke Unesko pli sisteme esploru la malhelpojn al la baza, interpersona komunikado.

S-ro M'Bow konsentis, ke tiu baza komunikado estas ege grava. Ĝia manko en nia moderna teknologia socio kaŭzas ĉie paneojn kaj perfortojn. „En kelkaj tradiciaj socioj", li asertis, „la komunikaj kanaloj pli bone funkcias ol en teknologiaj socioj."

La delegacio informis s-ron M'Bow pri la rezultoj de la Universala Kongreso de Esperanto en Varno en 1978 kaj pri la preparlaboroj por la Kongreso en Lucerno en 1979. La Lucerna Kongreso pritraktos kiel ĉefan temon la lingvajn aspektojn de internacia organiziĝo.

## El eksterlando

**„Balta Maro — maro de la paco“**

Sub tiu devizo de 23a ĝis 24a de septembro 1978 en Gdansko/Pollando okazis seminario de MEM-aktivuloj, kun partoprenantoj en Pollando, Bulgario, ĈSSR, Finnlando, kaj Hungario[1]). La ĉefa temo de la seminario estis la protektado de la natura mara medio de la Balta Maro (ĉefa referaĵo: „Socijuraj aspektoj de la protektado de la natura medio de la Balta Maro“). La 23an de septembro la partoprenintoj rememoris la 39an datrevenon de la eksplodo de la IIa mondmilito, la 30an jubileon de la Vroclava Kongreso de Intelektuloj defende al la Paco kaj la 25an jariĝon de MEM. Pri tiuj temoj la partoprenintoj aŭskultis referaĵojn, diskutis kaj vizitis lokojn de nacia memoro i. a. metante florojn ĉe la memorplato al la defendintoj de la Gdanska poŝto kaj sub la monumenton de la Herooj de Westerplato. La partoprenintoj de la seminario akceptis deklaron.

[1]) *Pro subita malsano de sia komisiita delegito la MEM-sekcio de GDR bedaŭrinde ne povis esti reprezentita dum tiu altnivela seminario.*

**Aldono de datoj**

En „der esperantist“ n-ro 91 (5/78) ni raportis sur paĝoj 14—15 pri la I-a Interlingvistika Konferenco, kiu 1978 okazis en Budapest. Kurioze, la raportinto ne indikis la datojn: Ĝi okazis de la 24a ĝis 28a de julio 1978. Ni pardonpetas.

La red.



**Rimarko de Fidel Castro**

Dum la XIa Festivalo de la Junularo kaj Studentoj, okazinta fine de julio 1978 en Havana/Kubo, Fidel Castro komencis ferman paroladon per atentigo pri la lingva problemo: „Karaj delegitoj kaj honoraj gastoj de la XIa Festivalo. Karaj sampatrianoj!

Estas malfacile paroli sciante ke miloj da aŭskultantoj parolas malsamajn lingvojn, kaj ne ĉiuj havas ĉe si tradukiston. Sub tiuj cirkonstancoj estas neceso kaj samtempe devo paroli koncize“. („Neues Deutschland“, Berlin, 5. 8. 1978)



**Lehr- und Informationsmaterial**

Herr Werner Pfennig, 20 Neubrandenburg, Leibnizstraße 5/67, informiert, daß er Interessenten diverse Materialien zur sprachlichen Weiterbildung in Esperanto anbieten kann.

---

(daŭrigo de pago 19)

S-ro M'Bow jam konas niajn Universalajn Kongresojn: li mem prezentis la enkondukan paroladon en la 62-a Universala Kongreso en Rajkjaviko en 1977. „Sed tie“, li diris, „mi havis komplekson. Mi ne esprimis min en Esperanto“. (Efektive, lia parolado estis en la franca, kun skribita traduko). „Se eventuale mi ĉeestus alian vian kongreson“, li aldonis, „mi dezirus paroli en Esperanto“.

## Asocio de Sovetaj Esperantistoj

**La 14an de marto 1979 en Moskvo fondiĝis Asocio de Sovetaj Esperantistoj en SSOD. Pli ol 100 delegitoj akceptis la statuton de la Asocio. Prezidanto elektiĝis prof. M. Isajev, vicprezidantoj elektiĝis prof. Podkaminer, V. Samodaj, A. Makovskij, A. Berjoza.**
**Oni nun preparas i. a. specialan esperantlingvan numeron de „Moscow News“ kun detala raporto.**
**Ni publikigos pluajn informojn en „de“ 3/79.**




### Soveta filmo en Esperanto

Ni informas, ke CLE ricevis kopion de la soveta filmo „Tutpopola heroaĵo“, kiu priskribas la heroajn batalojn de la sovetunia popolo kontraŭ faŝismo. La filmo daŭras 30 minutojn kaj estas pruntepreneblа de CLE.

### Helpu por diskotekoj

Esperanto-Klubo de Tiĥvin (USSR) petas helpon de germanaj samideanoj en organizo de kluba diskoteko. Ni atendas ĉiuspecan materialon: leterojn, revuojn, diskojn, utilajn konsilojn. Ĉiun helponton ni dankeme reciprokos laŭ interkonsento. Skribu al Mikaelo Bronŝtejn, abonkesto 2, Tiĥvin, SU — 187 500 Sovetunio.

### Konferenco en Ĥmelnickij

La 5an ĝis 8an de novembro 1978 la esperantistoj el la Ukraina Soveta Respubliko organizis en Ĥmelnickij konferencon. La 7an de novembro ili partoprenis la manifestacion okaze de la Granda Socialisma Oktobra Revolucio.

*(Laú L. Zimels)*

### Helpon al Vjetnamaj infanoj

Ni bezonas lernilojn (kajero, desegnopapero, kolorkrajonoj, kolorfarboj, k. t. p.) kaj ludilojn. Koran antaŭdankon — Nha Van Hoa Thieunhi, Infana Kulturdomo (Esperanto-servo), Pho Ngô Guyên, Hanoi, Vjetnamio

Câu Lac Bô Thieu Nhi, Infana Klubo (Esperanto-servo), *Vinh* (Nghé. Tinh). Vjetnamio

Câu Lac Bô Thanh Niên, Junulara Klubo (Esperanto-servo), Duong Duy Tân, T. P. Hô-Chi-Minh - V.N.

### Ekspozicio

okaze de la Internacia Jaro de la Infano

Klubo „AGORA“ en Bydgoszcz aranĝas okaze de la Internacia Jaro de Infano internacian ekspozicion de infanaj desegnaĵoj pri la temo „Mia Mondo“.

Infanoj de la tuta mondo sendu desegnaĵojn ĝis la 15a de majo 1979 al Klubo „AGORA“, str. M. Sklodowskiej-Curie 56, PL-85-088 Bydgoszcz/Pollando
Premioj atendas!

### Centra internacia Esperanto-laborbrigado

Ĝi okazos en la sudhungarlanda urbo Békésczaba. La dato de la aranĝo estas inter la 11a kaj 28a de aŭgusto 1979.

Aliĝi povas el iu ajn lando junuloj inter jaroj 16 — 25. Kiu bezonas invitleteron skribu al HEJ, H-1368 Budapest, Pf. 193.

# Eĉ tio okazis

## Haydn kaj Mozart

Iutage Mozart vizitis sian amikon Haydn. Post gaja konversacio pri ĉiuspecaj muzikaj temoj Haydn subite diris ridetante:

„Mi vetas, ke vi ne povas verki komponaĵon, kiun mi ne povos ludi je la unua vido!“ Mozart akceptis la veton, kaj oni interkonsentis, ke la malgajnonto devos doni vespermanĝon kun ĉampano. Mozart rapidis al la skribtablo. Post mallonga tempo li ree ekstaris kaj transdonis al la amiko la muzikaĵon, dirante ke li — Mozart — ja povas ĝin ludi, sed ne Haydn. Mirigite pro la ŝajne granda simpleco kaj facileco de la tasko, Haydn eksidis antaŭ la instrumento kaj komencis ludi. Li ankoraŭ ne alvenis ĝis la mezo de la muzika ŝerko, kiam li subite ekkriis: „Kion signifas tio, Mozart? Mi devas ludi per la manoj tute dekstre kaj maldekstre kaj samtempe ekfrapi klavon en la mezo. Ĉi tiun taskon povas solvi neniu!“ Mozart tuj ekokupis la seĝon antaŭ la piano, rapide ludis la facilan komencan parton, kaj — alvenante ĉe la koncerna takto — li tuŝis la klavon en la mezo per sia nazo. Laŭte ekridante Haydn sin deklaris venkita, donis la vespermanĝon, kaj Mozart je la unua fojo dankis la venkon ne al sia talento, sed al sia longa nazo.

*Tr. Paul Boden*

**Neniam nokte**

Antaŭ juĝejo en Lansing, Usono, la akuzita Bill Keenan diris: „Miajn atakojn mi entreprenas principe nur dum tago. Nokte mi tre nevolonte kunportas monon.“

**Ĝentilhomo**

Kiam fama sociologo post profesia vojaĝo en Anglio revenis al Paris oni demandis lin pri lia plej impresa travivaĵo. Li raportis: „Sur Trafalgar Square mi vidis maljunan sinjoron, kiu dum torenta pluvo ŝirmis sian hundon per ombrelo sed mem tute malsekiĝis.“

**Ĉu karakterize?**

Estro de junulara gastejo en Hallfors, Svedio, pendigis jenan afiŝon: Ĉi-tie regas la kutimo, ke amerikanoj venas hejmen antaŭ la 2-a matene, ke italoj ne kantadas post meznokto, ke germanoj ne ellitiĝas pli frue ol la 5-a matene kaj ke svedoj ne kunvenigas knabinojn!“

**Ĝis nun vane**

Ĝis nun vane la polico de Rio de Janeiro serĉas la fuĝintan malliberulon Jorge Viera, kiu estis sufiĉe impertinenta post la fuĝo partopreni kostumbalon. Li eĉ gajnis premion pro la originaleco de sia kostumo.

*Trad. Linde Knöschke*



**Solvo de la krucvortenigmo el n-ro 6/78, p. 18**

**A**. Kolomano Kalocsay. — **B**. Nuna pakto, alegorioj. — **C**. Lok(o), stilus(o), el, etilen(o), tuj. — **Ĉ**. Imag(i), vot(o), API, vom(i), nova. — **D**. Katar(o), UO, urb(o), ala, AA. tener(a). — **E**. Idolaj, azia, reto, metalo. — **F**. Odore, duel(o), anar(o), amelo. — **G**. Eterna bukedo. — **Ĝ**. Tiom.

## Internacia geedziĝo

Centra Laborrondo elkore gratulas al sia membro Jürgen Hamann kaj al Eva Kiss el Hódmezövásárhely, kiuj geedziĝis la 6an de januaro 1979.

## En Mělnik

7 esperantistoj el Riesa partoprenis la IXan Internacian Esperanto-Renkontiĝon de 6. — 18. 10. 1978 en Mělnik. Jen iliaj impresoj: Tre kora akcepto en la aŭtokampadejo, kie jam renkontiĝis pli ol 100 esperantistoj el ĈSSR, Aŭstrio, Japanio kaj GDR. La 7an de oktobro 1978, nacia festotago de GDR, la Riesa-anoj partoprenis esperantlingvan urbogvidadon en Mělnik. Ekskursoj en la belan ĉirkaŭon sekvis. Ne mankis agrabla vespero kun Mělnik-a vino. Kulmino estis koncerta vespero en al klubdomo de Mělnik, kie gastludis artistoj el Prago kaj Dresdeno (Rolf Deke). Al la organizintoj de la sukcesa renkontiĝo, speciale al s-ro Vitek, tre kore dankas pro la gastameco

*La Riesa-anoj.*

## Esperanto-Kurso en la kristandemokratia gazetaro

Meze de januaro 1979 en ĉiuj distriktaj gazetoj de la Kristandemokratia Unio en GDR samtempe aperis enkonduka Esperanto-kurso de Peter Levsen en 6 partoj. La kurso ekaperis la 13an de januaro. La 4 plej gravaj gazetoj estas „Thüringer Tageblatt", „Der Demokrat", „Märkische Union", „Der neue Weg", Dresdener Union".

## Neues Taschenlehrbuch Esperanto vergriffen

Das moderne „Taschenlehrbuch Esperanto" von Dr. Till Dahlenburg/Peter Liebig, das Anfang des Jahres 1979 an den Buchhandel ausgeliefert wurde, ist bereits wieder vergriffen. Eine 2. Auflage ist vor 1981 nicht zu erwarten.

## Kolektantoj de Ex Libris-oj

S-ro Wolfgang Morawa, 25 Rostock, Rosa-Luxemburg-Straße 5, serĉas a) Ex Libris-ojn el ĉiuj landoj en Esperanto aŭ rilate al Esperanto, b) Ex Libris-ojn por mini-libroj (etlibroj)

## Prospekto el Oberhof

Pri la Rennsteig-Ĝardeno Oberhof, botanika ĝardeno pri montara flaŭro, ĵus aperis kelkkolora prospekto en Esperanto, kiun eldonis Kulturligo de GDR, Distrikta Estraro Suhl. Ĝi estas havebla (50 pfenigoj) ĉe Centra Laborrondo.

**Ni kondolencas**

— pro la forpaso de Kurt Lier el Schneeberg, la 5an de januaro 1979
— pro la forpaso de Andreo Rogov el Ĥmelnickij, la 27an de septembro 1978.
— pro la forpaso de Martin Krätzschmar, 75jara, la 12. 12. 1978, el Dresden, ŝakamiko kaj peranto de EŜLI en GDR.
— pro la forpaso de d-ro E. T. Salnikovo (1967 — 1979) prezidinto de la Moskva Internacia Esperanto-Klubo (MIEK).
— pro la forpaso de Karl Moser el Prenzlau

# KORESPONDDEZIROJ



## Bulgario

44-jara instruisto dez. kor. pri literaturo historio, geografio, muziko, turismo: Zlatko Stojanov, ul. „Roza“ bl. 20/2G, 9010 **Varna**

30j. konstruisto dez. kor. pri muziko, lignogravuraĵoj: Ivan Nikolov Vakinov, **urbo Trojan,** str. Ivan Dončev 2

Binka Šiŝkova, 7004 **Ruse,** ul. Pliska Cl. Červen, vh. D, pk. 19, 23j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Laboristo, 50j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t. k. geesp. 40–50j: Vasil Lazarov Avramov, Tolbuĥin—105, vh. A, ap. 4, **Vraca**

## GDR

14j. lernantino dez. kor. k. gejunuloj tutmonde, kol. bk: Gisa Modrzynski, 437 **Köthen,** Lohmannstraße 137

Entomologia grupo de la Kulturligo de GDR dez. kontakti al similaj eksterlandaj grupoj por fake kunlabori. Skribu al: Günter Walz, Fehrbelliner Straße 38, 195 **Neuruppin**

12j. knabino dez. kor. k. geknaboj tutmonde p. ĉ. t.: Karin Walz, Fehrbelliner Straße 38, 195 **Neuruppin**

Dipl. agrikulturisto (38) k. familio (2 infanoj 7,5) dez. kor. k. simila hungara familio (se eble proksime de Balatono) por reciprokaj vizitoj kaj feriado: Jürgen Müller, **GDR-2600 Güstrow,** Weinbergstraße 35

Vojaĝonte en somero 1979 tra la urboj Kiev, Rostov, Ordzonikidze, Pjatigorsk, Tbilisi, Jerevan, s-ino Maria Horn, 20 **Neubrandenburg,** Allende-Straße 4/47, dez. konatiĝi k. lokaj E-amikoj

## Hungario

Czigàny Jànos, **H-9200 Mosonmagyaróvár,** Kandó K. u. 52, (27j), dez. kor. pri sporto, turismo, lingvoj

## Jugoslavio

Knabinoj – komencantinoj, 12–18j., dez. kor., bv. skribi al Cvetanka Tubić, Borisa Kidriĉa 13/III-11, **Šid**

## Pollando

Junulino, 19j., dez. kor. kun gejunuloj: Elzbieta Filozof, 41-200 **Sosnowiec,** ul. Dekerta 14 m. 24

Maryla Marszalek, 42-714 **Lisów,** ul. Przemyslowa 3, dez. kor. pri muziko

Laboristo, 30j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, kino, muziko: Waldemar Sasior, 50-205 **Wroclaw,** str. Cybulski 26/13

Lernantino, 17j., dez. kor., kol. bk, pm: Jadwiga Rozenbajgier, 36-213 **Haczów** (Sicina), Woj. Krosno

Kristina Jurczak, Szynkielów 161, 98-313 **Konopnica,** woj. Sieradz, 24j., dez. kor., kol. pm, bk

Laboristo, 28j., dez. kor. kun gekolegoj el GDR pri sporto, kol. bk: Eugeniusz Górny, Ratno Dolne 13, 57-411 **Wambienyke**

Lernanto, 18j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko, sporto, kol. bk, plakatojn: Jerzy Leszczynski. 57-240 **Kameniec,** str. Szkolnan

Oficistino, 48j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Maria Zejer, 43-450 **Ustroń,** Oś. Brody 3, m 10

Junulo, 19j., dez. kor. pri moderna muziko, sporto, kol. bk: Zdzislaw Chelstowski, ul. Platnerzy 3c/3, 73-110 **Stargard Szcz.**

Radioteknikisto, 28j., dez. kor.: Andreo Kosinski, ul. Sienawska 17/13, 68-200 **Zary**

Juna geedzparo (dentistino + teknikisto) deziras kor. kun germana geedzparo: Hanna k. Stanislaw Mach, 66-432 **Baczyna** 25

Instruisto, 22j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko, sporto, turismo, kino, teatro, kol. bk, pm: Adam Górski, 56-400 **Oleśnica,** ul. 15-go Grudnia 31 m 3, woj. Wroclaw

Krzysztof Musak, 37-722 **Wyszatyce** 308, woj. Przemiysl, dez. kor., pri literaturo, sporto, kol. bk, pm

Studento, 19j., dez. kor. pri moderna muziko, sporto, filmoj: Waldemar Kieca, 42-450 **Lazy,** ul. Brzozowa 14

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
(Zentraler Arbeitskreis Esperanto)
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 351